# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 31/03/2016 Ducentsesdektria eldono 31/03/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **341,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Informu niajn legantojn pri via uzo de la* ESPERANTO POCKET TEXTBOOK (rogerspringer@tpg.com.au)

*Senpage havebla ĉe http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo*

# 116. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

## F a r i v o r t o j n . A.



Esperanto faratis tia, ke la Esperantistoj povas mem krei la plejmulton de la vortoj de la lingvo. Sed individue ni malofte povas fari tion, ĉar aliaj Esperantistoj kutime faris la necesajn vortojn antaŭ ni, do kutime ni "estas tro malfruaj". Ni tamen povas ekzameni kaj konstati kaj kompreni, kiel aliiuj kreis vortojn, kaj tiel ankaŭ ni iomete kreas novajn vortojn, imitante la unuajn kreintojn. Krome, antaŭ ol renkonti faritan vorton, ni povas mem krei ĝin kaj post tio ekzameni, kiel antaŭa persono kreis ĝin, kaj serĉi kies kreo estas pli bona, se estas diferenco. Do anstataŭ blinde kopii la vortojn el la vortaro, estas utila por nia kompreno krei tiom kiom ni kapablas kaj poste alikrei ilin sekvante la procedon kiun uzis antaŭuloj. Daŭrigota. Marcel Leereveld.



## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj)





# Esperanto-Kafo-Klubo de Kanbero



La EKKK daŭrigas siajn kunvenojn ĉiusemajne, en la Pancake Parlour, sube en 122 Alinga St., Civic, je la 17:00a horo ĵaŭde.

Ni kutime estas kvar sed du el la membroj adiaŭis nin pasintan semajnon por foresti kvar semajnojn eksterlande. Spite de tio ni kunvenos kiam Giles kaj Caitlin vojaĝos. Ni havos vizitantojn por kompensi por la mankantoj. Mi ricevis retmesaĝon de unu kiu serĉis nin en loko kie ni forlasis antaŭ pli ol unu jaro. Mi pensas ke mi korektis tiun en la AE sed, se ne, mi pardonpetas laj esperas ke ni ne maltrafis membrojn pro tio.

Huigh Malcolm

# La Bandunga Trilanda Kongreso

Jen kelkaj fotoj de la Bandunga trilanda kongreso.







.....Kaj ankaŭ mia parolado dum la malferma ceremonio.

Plej amike, Sandor Horvath

“Bonvenon al nia kongreso.

Mi tre esperas ke ĝi estas la unua de pluraj trilandaj eventoj.

Dum la nuna periodo en la mondo,.... mondo de krizoj, katastrofoj, timo, teroristoj, militoj inter nacioj kaj religioj, eventoj kiel la nia estas tre gravaj. Ili substrekas la bonan, la pozitivan kaj la pacemajn aspektojn de la homaro.

Mi tre fieras ke

- mi nun povas stari antaŭ vi

- ke IEA, AEA kaj NZEA bone kunlaboris dum pli ol unu jaro por starigi tiun ĉi kongreson

- ke ni povis helpi la indoneziajn esperantistojn

- ke la indoneziaj esperantistoj helpis nin. La kongreso allogis kelkajn aŭstraliajn esperantistojn, kiujn mi neniam vidis antaŭe.

- ke ni nun havas kontaktojn kun multaj esperantistoj en nia najbara lando.

Mi tre esperas - mi ja estas esperantisto - ke la rilatoj inter ni en Aŭstralio kaj Indonezio plifortiĝos dum tiu kongreso kaj post la kongreso.

Memoru, ke tiu kongreso estas organizita de multaj junuloj. Ĉiuj de ili estas voluntuloj.

Se - aŭ kiam - okazas problemoj aŭ malagrablaĵoj, ne nur grumblu aŭ plendu, sed helpu solvi la problemon.

Finfine, ni estas esperantistoj, ne grumblistoj.

Ne estu timemaj.... parolu kaj amikiĝu kun multaj aliaj dum la venontaj 5 tagoj.

Se vi estas juna, lernu de la sperto de la maljunuloj. Se vi estas maljuna, lernu de la junuloj. Ekzemple, multaj el ili regule uzas fejsbukon kaj havas regulajn kontaktojn kun esperantistoj tra la mondo.

*Jika Anda tidakmengerti apa yang baru saja saya katakan, tolong belajar lebih banyak lagi pentang Esperanto.*

*Saya berharap Anda merasa senang dalam kongres tiga negara di Bandung.*

Mi deziras al vi agrablan, interesan kaj amuzan kongreson in Bandung

Dankon al Terima kasih

Sandor Horvath

# Virtuala prelego en Indonezio



Je Sankta Vendredo, Jonathan Cooper prelegis ĉe la Trilanda Kongreso en

Bandung per Skype. Lia temo estis “Informi pri Esperanto en la 21-a jarcento”: Jen la priskribo: “Parte, kaj iel, la tasko diskonigi Esperanton estas la sama kiel antaŭ cent jaroj. Sed alie, ĝi estas tre malsama. Tra la mondo, kiel neniam antaŭe, la angla ŝajnas domini, kaj ekzistas multaj novaj manieroj komuniki. Tiuj donas kaj defiojn kaj oportunojn.”





Por tiuj, kiuj ne partoprenis la kongreson, Jonathan reprezentos la prelegon ĉe Esperanto-Domo ĉidimanĉe (3 apr).

Amike Jonathan Cooper



# La Adelajda Esperanto-klubo.

Por la Paska Dimanĉo ni decidis iri al la turisma marbordo de Adelajdo: Semaphore. Krom ke ni kune pikniku la celo estis spekti la tradician kajto-festivalon kaj laŭeble iom varbi por Esperanto. Bedaŭrinde por flugigi la gigantajn kajtojn ne estis sufiĉe da vento, tiel estis ne multe da spektado, sed ni ĝuis la kunestadon kaj kun iom da sukceso eĉ flugigis niajn proprajn kajtojn.



Surfote: Madelene (supre), Lauren (maldekstre) kaj Birgitta (dekstre) preparas la ŝipo-kajton.



Amike, Katja Steele

# Vortpluformado (daŭrigo). (2)



5). Verbo kun prepozitiva prepozicio. Ekz. Iri sur (la monton) fariĝas suriri (la monton) kaj Loĝi en (dometo) fariĝas enloĝi (dometon). Ili estas popularaj en Esperanto. En etnaj lingvoj oni

uzas aŭ specialan vorton aŭ prepozicion aŭ adverbon aŭ prefikson. En Esperanto tiuj verboj estas transitivaj kaj ĉiam bezonas objekton esprimitan aŭ ne, kvankam kelkaj el ili ricevis netransitivan alternativon kies prepozicio fariĝis adverba prefikso: alveni, eliri.

6). Verbo kun nuda adverbo: plu legi povas fariĝi plulegi kaj ne agi povas fariĝi neagi. Ili estas tre malmultaj, kaj preskaŭ ĉiam nenecesaj. Ili utilas nur, kiam ili estas pli malforta alternativo por mal- aŭ ankoraŭ aŭ aliaj: ankoraŭ dormi kaj pludormi. Ili tiam funkcias kiel prefiksoj.

7). Numeralo malpli granda ol la sekvanta numerala ĉefelemento: kvardek, centmil.

8). Substantivo kun sia adjektivo. Ĉi tiuj estas aglutinaj nur, ĉar la specialeco donas al ili alian signifon ol la analizan. Pro ilia ĉeesto en la germana lingvo, kiel esceptoj, Zamenhof kreis plurajn da ĉi tiuj: dikfingro estas tute alia afero ol dika fingro, kaj belknabino tute alie ol bela knabino. Kalocsay kaj Waringhien admonas nin, ne plu krei tiajn, ĉar ili detruus la tutan aglutinan karakteron de Esperanto, ĉar oni ne plu scius la diferencon inter ekzemple granda tablo kaj grandtablo. La samo validas por la kunmetoj de verbo kun sia adverbo kaj de verbo kun sia objekto: rapide kuri kaj rapidkuri, kaj fiŝojn kapti kaj fiŝkapti. Do ni ne kreu pliajn tiajn, por ne riski gramatikan ĥaoson en Esperanto.

9). La pseŭdoprefiksoj (dis, ek, for, mis, re, retro): ekiri, relegi, retroveni. Ili agas kiel adverbaj radikoj: iri eke, veni ree, veni retroe.

10). La pseŭdosufiksoj (eco, aĵo, ino, ilo, igi, iĝi, ema, inda, -ebla, kaj la participaj sufiksoj adjektivaj): fosilo estas ilo por fosi, kaj manĝita estas la karaktero ke ĵus antaŭe io subiris la agon manĝi. Notu ke anta, inta, onta, ata, ita, ota, ebla, inda, ema, iĝi, kaj igi povas uzati nur post verbo, kvankam iĝi kaj igi uzatas post iu ajn kategorio pro forlaso de la verbo “esti”: iĝi esti varma (> iĝi varmi} > varmiĝi, kaj igi (iun) esti kasisto (> igi iun kasisti) > kasistigi (iun).

(daŭrigota). Marcel Leereveld.

**Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio**

# Blogo pri la planedo Marso kun la fotoj de HIRISE

http://beautifulmars-esperanto.tumblr.com/



Vizitu tiun ĉi blogon pri NASA-projekto en Esperanto, kunhaviganta fotojn pri la planedo Marso!

Enkadre de la projekto HIRISE *(Scienca Eksperimento pri*

*Fotado kun Alta Distingivo)* funkcias la plej forta fotokamerao de sia speco sendita al alia planedo, montranta al ni bildojn de la surfaco de Marso kun nekredebla distingivo. Ĉi tiu blogo en Tumblr estas la unua scienca retfluo de NASA-projekto en Esperanto, kunhaviganta Marson kun aliaj, kaj prizorgita de Shane Kirby, tradukista volontulo ĉe la usona kosma instituto.

Ĉu vi volas partopreni en la Projekto "Bela Marso"? - Vi povas kontakti: Shane Kirby, beautifulmars@uahirise.org

# Someraj eventoj de Esperanto

Permesu al ni inviti vin al la ĉiujara plej granda Esperanto-evento: **Universala Kongreso de Esperanto (UK).**

La 101-a UK okazos ĉifoje en Slovakio, en la urbo Nitra, 23.-30.7.2016.

Tradicie okazadis en tiu ĉi urbo SES (Somera Esperanto-Studado), aranĝo por lerni Esperanton, sed pro organizado de UK ĝi ĉijare ne okazos. Anstataŭ SES ni do invitas vin partopreni UK-n, kiu okazos jam 101an fojon, tamen unuan fojon en Slovakio.

Pli da informoj: http://www.nitra2016.sk/ kaj http://uea.org/kongresoj Se vi planas partopreni, nepre aliĝu ĝis fino de Marto (http://uea.org/kongresoj/alighilo), por kapti la pli favorajn prezojn de la kongreso!

Sed se vi tamen volus lerni Esperanton, okazos aliaj someraj kursoj, nome:

en Eŭropo: **SOMERAS**

en Ameriko: **NASK**

**SOMERAS**, internacia stud-semajno, 6 – 13 de Aŭgusto 2016 en kastelo Grésillon, Francio En la programo de SOMERAS : kursoj, ekskursoj, koncertoj, atelieroj, kaj diversaj aktivadoj. Kroma ekskurso-tago estas planita la 14-an de Aŭgusto.

La kursojn gvidos spertaj instruistoj, inter kiuj pluraj estas konataj en SES: Tim Morley (Britio), Christophe Chazarein (Francio), Przemek Wierzbowski (Pollando), Mikaelo Bronŝtejn (Rusio) kaj Marion Quenut (Francio).

Por pli da informoj, vizitu la retpaĝon de SOMERAS ĉe http://gresillon.org/spip.php?rubrique31&lang=eo

## NASK kaj Kino-teatro-festo ree kune!

La Nord-Amerika Somera Kursaro (NASK) ankaŭ ĉijare kunigas la fortojn kun Kino-Teatro-Festo kaj invitas vin al unu el la plej elstaraj eventoj en Esperantujo! NASK – la plej longdaŭra Esperanto-kursaro en Norda Ameriko –estas unu el la plej gravaj aktivaĵoj subtenataj de ESF. Ĝi estas unika kleriga evento, kiu altiras

lernantojn de ĉiuj lingvoniveloj kaj elstarajn Esperanto-instruistojn el la tuta mondo.

Vizitu la retejon http://nask.esperantic.org por pli da informoj pri NASK kaj www.kotofesto.org pri KTF. La aliĝilo estas havebla laŭ peto al la administranto de la kurso, Ellen Eddy, ĉe EDDYELLEN@aol.com.

via lernu-teamo

**Sandor Horvath** **Raportis pri la Bandunga kongreso**

# Sukcesa trilanda kongreso en Indonezio.



Selamat datang untuk kongres Esperanto tiga negara pertama.

Bonvenon al la trilanda kongreso de Esperanto.

Kun tiuj vortoj la tri Esperanto Asocioj bonvenigis 101 partoprenantojn, inter ili 40 eksterlandanoj.

Kiam ni (aŭstralianoj, indonezianoj kaj novzelandanoj decidis starigi trilandan kongreson post 14 monatoj, ni hezitis kaj - kompreneble - hezitis kaj timis malsukceson. Sed finfine ni povis rikolti kaj ĝui la fruktojn de niaj penoj.

AEA kaj NZEA subtenis la kongreson finance kaj praktike. Inverse IEA helpis nin allogi kelkajn esperantistojn de Aŭstralio, kiuj ĝis nun ne partoprenis naciajn aranĝojn.

Venante el lando, kie la plej granda parto el la Esperanto-parolantoj estas maljunaj, la granda nombro de junaj, viglaj studentoj ĉi tie donis al ni pli da espero. Havi tri landojn kaj multe da eksterlandanoj kreis multe pli internacian etoson ol nur nacia kongreso.

La programo estis enhavriĉa. Okazis klaso por komencantoj kaj progresintoj, prezentadoj pri vulkanoj en Aŭklando, la pejzaĝoj, flaŭro kaj faŭno en Aŭstralio, variaj interesaj prelegoj de la junaj indonezianoj, ekzemple pri orangutanoj, kafo de Javapreanger, la historio de gamelan kaj la eldono de libroj en Indonezio.

Juna, energiplena repkantisto Jonny M fariĝis tre populara inter la indonezianoj kaj eksterlandaj junuloj.

Granda avantaĝo estis ke la loka grupo de Bandung havas fortajn ligojn kun la loka Azio-Afrika Konferenca Muzeo en la urbo. La malferma ceremonio okazis tie kaj ni ĝuis ankaŭ la "Nokton en la Muzeo"



En sudorienta Azio ne abundas esperantistoj kaj tiu trilanda kongreso povas servi kiel modelo por venontaj eventoj en la regionoj.

Ni estis ankaŭ tre bonŝancaj havi du UEA estrararojn inter ni. Stefan McGill gvidis la 21-an AMO seminarion kaj Ŝlosilo (Lee Jungkee) konstante memorigis nin pri la situacio en Azio kaj speciale en

Sudorienta Azio kaj la graveco de ĉi tiu kongreso.

Kune kun Ŝlosilo, la tri landaj asocioj taksis la kongreson bona atingo kaj sukceso. Ni decidis starigi la duan trilandan kongreson en 2018.

Ni esperas vidi vin (refoje) inter la 28-a de Marto kaj 2-a de Aprilo 2018 en Bandung en Indonezio.










Sendis la informilon

Paul Desailly